# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://itranslate4.eu/

**PLENUMITA 28/04/2016 Ducentsesdeksepa eldono 28/04/2016 SENDITA (unua eldono 20/09/2011)**




**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**

**SENDATA AL 306.** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

Estas pli ol **370,000** lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo.

https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online (Ekde la 28a de Majo 2015)

# 120. LA GRAMATIKO DE ESPERANTO



## F a r i v o r t o j n . D.

La kvara regulo estas, ke ĉe la kunmetado de radikoj la lasta elemento antaŭ la finaĵo estas la ĉefelemento, kies signifo estas reduktita per la signifoj de la antaŭaj elementoj (kun variaĵo poste klarigota). Do "(sur)lunkratero" estas substantivo en kiu la signifo de "kratero" estas redukte difinita de la vorto "luno", kaj "tranĉilo" estas speciala ilo por tranĉi. "Tablotuko" estas speciala tuko por tabloj kaj "alpreni" estas preni speciale al si. Ĉi tiu regulo populare konatas kiel "la unua elemento difinas la lastan elementon", do ĉe "matenmanĝi" la unua, la flankelemento "en la mateno", difinas la lastan, la ĉefelementon "manĝi". Oni nomas ĉi tiun vortkunmetadon aglutina, ĉar du (aŭ pli) radikoj kungluiĝas kaj la unua radiko difinas aŭ reduktas la signifon de la lasta radiko. Notu ke la kungluiĝo ne estas la precipa karaktero de aglutinado (ofte ne obeata en la angla); la precipa estas la vicordo: la ĉefelemento lastas. Notu ke en la neaglutinaj lingvoj la ĉefelemento unuas.

Daŭrigota. Marcel Leereveld.

# "Poezio el ĉiuj ĉieloj" –

: la 21-a de Majo 2016 sendis "Sam Samideano" <samideano@hotmail.it>

## La Konkursoj de Samideano-

## "Poezio el ĉiuj ĉieloj" -

Limdato ne prokrastebla: la 21-a de majo 2016 ( Limdato ne prokrastebla)

Konkurso kun la subteno de la komunumo de S-ta Anĝelo de Brolo (Mesino - Sicilio) kaj de Itala Esperanto-Federacio.

Rajtas partopreni ĉiuj poetoj el nia planedo, per poeziaĵoj en la itala lingvo, en Esperanto, aŭ en ambaŭ lingvoj.




Oni devas sendi retpoŝte (en formato word) al <samideano@hotmail.it>
nur unu poeziaĵon ne pli longan ol 50 (kvindek) versoj.
La verkoj devas esti neeldonitaj kaj neniam premiitaj antaŭe.
La tuta regularo kun la aliĝilo estas akirebla ĉe
http://iconcorsidisamideano.altervista.org/KonkursoPoemojIII.html
La premiada ceremonio okazos en la komunuma Teatro el Sankta Anĝelo de Brolo (Sicilio, Italio), la 18-an de oktobro 2016, je la 6-a horo posttagmeze.*

## "Romanoj el ĉiuj ĉieloj" -

Limdato ne prokrastebla: la 21-a de septembro 2016
Nova konkurso: verkoj tradukitaj en Esperanton el ĉiuj ajn lingvoj.
La regularo ĉe
http://iconcorsidisamideano.altervista.org/KonkursoRomanojI.html

Ni tre multe antaŭdankas ĉiujn vin.
Nicola Morandi kaj Giuseppe Campolo (alidirite Sam Samideano)

Movado sen Nomo

Bonvenon! Pri Movado sen Nomo Historio Sloganoj Multlingve Membreco Ligoj Kontaktu nin

aprilo 2016

| l | m | m | ĵ | v | s | D |
|---|---|---|---|---|---|---|
| | | | | 1 | 2 | 3 |
| 4 | 5 | 6 | 7 | 8 | 9 | 10 |
| 11 | 12 | 13 | 14 | 15 | 16 | 17 |
| 18 | 19 | 20 | 21 | 22 | 23 | 24 |
| 25 | 26 | 27 | 28 | 29 | 30 | |

majo 2016

| l | m | m | ĵ | v | s | D |
|---|---|---|---|---|---|---|
| | | | | | | 1 |
| 2 | 3 | 4 | 5 | 6 | 7 | 8 |
| 9 | 10 | 11 | 12 | 13 | 14 | 15 |
| 16 | 17 | 18 | 19 | 20 | 21 | 22 |
| 23 | 24 | 25 | 26 | 27 | 28 | 29 |
| 30 | 31 | | | | | |

junio 2016

| l | m | m | ĵ | v | s | D |
|---|---|---|---|---|---|---|
| | | 1 | 2 | 3 | 4 | 5 |
| 6 | 7 | 8 | 9 | 10 | 11 | 12 |
| 13 | 14 | 15 | 16 | 17 | 18 | 19 |
| 20 | 21 | 22 | 23 | 24 | 25 | 26 |
| 27 | 28 | 29 | 30 | | | |




## Anstataŭ murojn, ni faru pontojn! (Slogano aprilo-majo-junio 2016)

Ni ĉiuj vivas sur la sama planedo, do estas ne-eviteble ke ni renkontiĝas. Diferencoj kaj malsamaĵoj ne minacas, sed riĉigas nian vivon. Kiam ni interŝanĝas niajn unuopajn vidpunktojn, ni ricevas duan manieron por rigardi la mondon!

Ni do ne izoliĝu malantaŭ niaj muroj, sed forigu la murojn, malfermu pordojn kaj faru pontojn al homoj kun alia gusto, kulturo, religio aŭ opinio. Ni ne nepre devas havi la saman vidpunkton, sed almenaŭ respekti unu la alian. Nur tiel, ĉiuj homoj povas vivi kune en paco.

# Novaĵletero julio 2016

## 1. Slogano por julio - aŭgusto - septembro 2016




julio 2016

| l | m | m | ĵ | v | s | D |
|---|---|---|---|---|---|---|
| | | | | 1 | 2 | 3 |
| 4 | 5 | 6 | 7 | 8 | 9 | 10 |
| 11 | 12 | 13 | 14 | 15 | 16 | 17 |
| 18 | 19 | 20 | 21 | 22 | 23 | 24 |
| 25 | 26 | 27 | 28 | 29 | 30 | 31 |

aŭgusto 2016

| l | m | m | ĵ | v | s | D |
|---|---|---|---|---|---|---|
| 1 | 2 | 3 | 4 | 5 | 6 | 7 |
| 8 | 9 | 10 | 11 | 12 | 13 | 14 |
| 15 | 16 | 17 | 18 | 19 | 20 | 21 |
| 22 | 23 | 24 | 25 | 26 | 27 | 28 |
| 29 | 30 | 31 | | | | |

septembro 2016

| l | m | m | ĵ | v | s | D |
|---|---|---|---|---|---|---|
| | | | 1 | 2 | 3 | 4 |
| 5 | 6 | 7 | 8 | 9 | 10 | 11 |
| 12 | 13 | 14 | 15 | 16 | 17 | 18 |
| 19 | 20 | 21 | 22 | 23 | 24 | 25 |
| 26 | 27 | 28 | 29 | 30 | | |

Estas nekredeble kiom da homoj perdas energion detruante la vojojn aŭ aĵojn kiujn ili NE ŝatas, anstataŭ konstrui vojon aŭ fari aĵon kiu jes ja plaĉas al ili.

Nu, estas pli facile rompi vazon aŭ seĝon, ol mem modli vazon aŭ konstrui seĝon. Sed ĉu oni ne pli fieros pri memmodlita vazo aŭ memkonstruita seĝo, ol pri aro da rompitaj pecoj?

Same ne helpas ade kritikaĉi televidan kanalon, retpaĝon aŭ iun klubon. Ĉu ne estas lacige kaj frustrige konstante piedbati tion kion oni ne ŝatas?

Ni prefere uzu nian energion por pozitiva kaj kontentiga agado. Kiu volas esti memorita kiel eterna malkontentulo, kiam oni povas esti pozitiva elemento, eble eĉ heroo?



**3ZZZ** Mi pardonpetas pro teknika eraro, kiu rezultis en perdo de la 8 unuaj minutoj de la elsendo de la 18a de aprilo.



Tamen eblas aŭdi raporton pri la Trilanda Kongreso en Bandung kaj intervjuon de Ilia Dewi pri la senaŭta tago en Indonezio.

Franciska Toubale kunvokanto por la Esperanto -grupo en 3ZZZ Amike, Franciska

**ESPERANTO-DOMO SIDNEJO**

143 Lawson Strato, Redfern.

Dimanĉon 1an de Majo.

Venu! Aferkunveno 11atm Amuzkunveno 1ptm Ĉiuj estos bonvenaj .